revuo

# Babilanto

INFORMILO DE AGADO POR LA PROGRESIGO DE ESPERANTO EN TOGOLANDO

n-ro 07 aprilo – junio 2014



Karaj legantoj,

BABILANTO persistas. Jes, la revueto daŭrigas trankvile sian malfacilan vojon. Certe per viaj subtenoj kaj konsiloj ni plu-agados facile kaj sukcese!

Necesas krei la eventojn, antaŭ ol ili fariĝos "tradiciaj", interesi la publikon por ke ĝi alprenu ilin. Jen kial enestas en tiu ĉi numero de BABILANTO informoj pri novaj formoj de renkontiĝoj kaj atingoj rilate al Esperanto en Afriko!

Bonan legadon!

**[Aĝevi Aĝe]**

*Chers lecteurs,*

*BABILANTO persiste. Oui, la revue continue tranquillement son chemin difficile. Certes, avec vos soutiens et conseils nous continuerons de mener des actions facilement et avec succès!*

*Il faut créer les événements, avant qu'ils ne deviennent traditionnels, y intéresser le public pour qu'il les accepte. Voilà pourquoi vous trouverez dans ce numéro de BABILANTO des coups de projecteur sur de nouvelles formes de rencontres et des réalisations en rapport avec l'Espéranto en Afrique!*

*Bonne lecture !*

***Adjévi Adjé***

## Anita Dagmarsdotter: Afriko havas la forton akiri pli bonajn vivkondiĉojn



***Instruistino de Afrikaj partoprenantoj en la jubilea kongreso 1987 en Varsovio, kunlaboranto dum multaj jaroj por la plivivigo de Esperanto en Tanzanio, ĉu vi povas rakonti pri viaj spertoj kun Afrikanoj?***

Mi estas unu de tiuj homoj, kiuj jam je la unua vizito en Afriko akiris agrablajn geamikojn kaj sopiris al nova vizito. La unua vizito estis en Nairobio dum la Virina Forumo en 1985, kie mi disdonis flugfoliojn pri Esperanto. Dum mallonga vizito al CO mi aŭdis pri Hans Bakker kaj la kurso en Budapeŝto kaj kontaktis lin; rezulte mi travivis interesajn kvar semajnojn kun 13 diversaĝaj Afrikanoj de 11 landoj. Estis aro da instruistoj kaj mi ĉefe rolis kiel gvidanto de la grupo.

Ĉiutage estis programo: kursoj, prelegoj kaj studvizitoj. Ĉeftemoj estis Esperanto kaj *Che metodo*. Ili poste partoprenis la UK-on kaj reveninte hejmen ili estus instruistoj kaj kunhelpantoj al Hans Bakker/respondeculoj en sia lando.

Post kelka tempo mi transprenis la taskon kunhelpi en Tanzanio Nzaniye Bernard, kiu tiutempe loĝis en Svedio. Tio daŭris ĝis la komenco de la 2000-aj jaroj, sed kun kelkaj amikoj mi daŭre tenas kontakton. La esperantistaro en Tanzanio kreskis. Multaj estis rifuĝintoj de kiuj kelkaj reiris al sia lando, tiama Zairio. Interkonsente kun Hans Bakker mi retenis la kontaktojn kun tiuj ankaŭ poste kaj kun unuopaj esperantistoj en Kenjo.

Miaj lingvoscioj ne estis sufiĉaj kaj kiam ne sufiĉis konsiloj Esperant- aŭ anglalingvaj al iu, mi korespondis kun Hans Bakker kaj Helga Faraukye(?) por konsiloj france kaj kun mia amiko Jan Setréus por konsiloj svahile. Li instruis en Tanzanio dum kelkaj jaroj kaj tradukis sian lernolibron pri Esperanto "Ne krokodilu!" al la svahila. Mi ĉefe devis zorgi pri la korespondado nokte aŭ dimanĉe pro mia profesia laboro. Kaj kompreneble mi ne sufiĉe rapide respondis, sed venis dua letero de iu fervora skribanto. Kaj ili ofte enhavis poeziaĵojn aŭ prozaĵojn. Tio gvidis al "Orienta Stelo", Tanzania informilo, kiu aperis kun unu numero en 1989 kaj estis eldonata dum la tri sekvaj jaroj. La unua numero estis redaktita de kvin rifuĝintoj gvidataj de Lutumbo Yogolelo. Jam la dua numero havis alian redaktan grupon: Lutombo Yogolelo kaj Ntawu Hangi. En 1991 mi anstataŭis Hangin. Dum la tuta tempo mi enkomputiligis la materialon kaj elsendis ĝin al ĉiuj kluboj kaj grupoj. Krom tio aperis neregula "Informletero" dum kelkaj jaroj kaj okazaj komunaj leteroj, ĉiuj kun raportoj pri landa agado. La informilo estis ŝatata, sed malaperis pro neregulaj kontaktoj kun Yogolelo kaj tempomanko.

TEA – Tanzania Esperanto-Asocio, fondita sed ne funkciigita 25 jarojn antaŭe, refondiĝis kaj la unua landa kongreso okazis en 1991. Pascal Sao, veterano de TEA estis retrovita kaj partoprenis la kongreson. Li estis elektita estrarano de la nova organizo. Nino Vessella, Italio, partoprenis kaj estis preta kunlabori, sed tio ne realiĝis. Oni sukcesis aranĝi la 4-an Afrikan Kongreson en 1996, kiam Horst Gruner, Germanio, multe kontribuis en LKK. Inter TEA kaj SEF (Sveda Esperanto-Federacio) kaj inter kluboj en ambaŭ landoj estis ĝemelaj ligoj, kiuj bedaŭrinde ĉesis poste.

Mi vizitis Tanzanion plurfoje, ĉefe Dar es Salaam, Mwanza, Bunda kaj Tabora. Ĉiam okazis neformalaj kursoj aŭ lingvaj diskutoj. Mi ĉiam trovis la lernantojn diligentaj, scivolemaj kaj kunlaboremaj. Unuopaj esceptoj ne menciindas. Pluraj miaj plej malnovaj kontaktoj daŭre estas tre karaj al mi.

***Malgraŭ via troa aĝo, vi ĉeestis la kvinan Afrikan Kongreson en Kotonuo. Kio instigis vin partopreni en la kongreso?***

Nu, troa aĝo. Mi jam longe konstatis, ke vivo malpli ol cent jaroj ne sufiĉas por tio, kion mi volas fari. Post multjara cedo pri UK-oj, mi pasintjare partoprenis en Rejkjaviko. Mi malfruis al programero pri la agado en Afriko, sed… jes, tie plej norde mi estis kaptita de iu Afrika etoso. Post tiu momento mi tage pensis pri la Afrika movado kaj memorigis svedajn esperantistojn pri la iama kunlaboro. Tio kaj informoj de tanzaniaj amikoj, ke ili decidis revigligi la laboron en Bunda regiono, rezultis en mia partopreno en Kotonuo, subtenita de SEF.

***Kiajn impresojn vi havis, ĉeestante la kongreson en Kotonuo?***

Ekde 1985, post mia unua Afrika vizito, mi havas la impreson, ke Afriko havas la forton akiri pli bonajn vivkondiĉojn por siaj enloĝantoj. Ĉefe la tre fortaj virinoj, kiujn mi renkontis en Nairobio, postlasis tiun impreson. Parte pro tio ofte mankis al mi – devus ankaŭ al vi – la virinoj en la Esperanto-movado. Tiu manko ankaŭ estis forta nun en Kotonuo. Mi trovis plurfoje eldiritajn dubojn pri postaj sukcesoj, sed multe pli ofte montriĝis emo kunlabori, planoj por la estonteco kaj kapablaj homoj por plenumi la planojn. Daŭre kun ioma financa helpo de la internacia Esperantosocio, sed kun forta volo pri sendependeco de tiu.

***Kelkaj Eŭropanoj ankoraŭ opinias, ke Afriko ankoraŭ ne kapablas gastigi internaciajn renkontiĝojn kiel IJK, UK. Kion vi dirus al tiuj personoj, por ke ili komprenu ke la situacio ŝanĝiĝis kaj ke Afriko same kiel la aliaj kontinentoj kapablas aranĝi mondskalan eventon.***

Iru viziti Afrikon! Tie vi povas konstati, ke ne ĉie oni militas, ne ĉie malsanoj furoras, ne ĉie vi devas cedi pri via komforta vivo. En pluraj landoj oni jam organizis grandajn internaciajn eventojn, la rimedoj ekzistas. Kaj se oni dubas pri manko da spertoj de la esperantistoj, tio respegulas mankojn en la Esperanto-movado, kiujn oni povos transpasi.

***Ĉu vi havas apartajn mesaĝojn por la Afrika esperantistaro?***

Ofte mi trovis fortan dediĉon al la laboro por Esperanto spite al malfacilaj vivkondiĉoj ekonomie kaj teknike. Multaj el vi faras admirindan laboron, gajnante nenian salajron el ĝi. Ili gajnas nenian trezoron en banko, sed gajnas la riĉecon de vasta amikaro kaj kontribuas al la Esperanta socio.

Cetere, mi volas aldoni rekomendon al tiuj ne-Afrikanoj, al kiuj mankas aktualaj informoj pri Afriko, ke ili studu la raporton de UN "Human Development Report 2013".

# Nomadaj kursoj okazis brile kaj sukcese

Krom la 12 partoprenantoj el Francio (Robin, Michel, Marie, Anne, Clotilde, Didier, Bergère, Roberto, Jean-Pierre, Monique, Gérard, Evelyne), estis ankaŭ 4 Afrikaj amikoj po 2 el Burkino (Armel, Harouna) kaj Togolando (Kossi kaj Jérôme). La iniciato disvolviĝis per vojaĝoj, kiuj inkluzivis E-kursojn, vizitojn al esperantistoj, al vidindaj lokoj, de Francio tra Alĝerio, Burkino kaj Togolando de la 13-a de januaro ĝis la 13-a de februaro 2014.


fotoj de Evelyne Rotellini

En Vagaduguo la nomadkursanoj konatiĝis kun la produktejo de tofuo. Ili vagis tra la urbo, interkonsiliĝis kun Armel kaj lokaj fortoj pri Esperanto-kurso! Okazis lingva staĝo malfermita al ĉiuj kun paŭzetoj! La posttagmezoj estis plene destinitaj al nomad'kursanoj por malkovri la burkinan ĉefurbon, agadojn de la organizaĵo *Orange Bleue Afrique* www.lorangebleue.org ĉirkaŭ interesaj temoj.

En Aurovillage www.aurovillage.org la grupo ripozis, konatiĝis kun la lokuloj kaj ligis ĉiuspecan amikecon! Tie ili ankaŭ estigis staĝon de Esperanto por ĉiuj plenkreskuloj ĉeestantaj en la Aurovillage. La matenoj estis dediĉitaj al malkovro kaj partopreno en diversaj aktivaĵoj surloke. En la surloka lernejo St Jean, okazis en festa etoso prezentoj pri «valizo-vortoj», desegnaĵoj kaj danco per akordiono same, kiel atelieroj pri mielo kaj la mondo de abeloj, seancoj de malstreĉiĝo, prezento de Esperanto, diskutrondo, debatetoj, interŝanĝo por plibone konatiĝi kun la lernejanoj.

En Kante, norde de Togolando, kvankam forestis amiko Akanto http://aseda-kante.blogspot.fr pro formado en Israelo, la grupo traspertis mirindan sperton ĉe ties amikoj. Vizitoj kondukis la grupanojn jen en ĝardenojn, jen al grupoj de ĝardenistoj...

La etapo en la sudo markiĝis per konatiĝo kun la familio de Aĝevi kaj kun la kvartalo Nukafu kaj interkonsiliĝo pri la cetera programo. Ne mankis ankaŭ vizitoj al kulturdomo STEJ www.stejtogo.org, al Mytro Nunya www.mytronunya.info, alia kvartala kaj aktiva domo, kie Esperanto estis prezentita kaj instruota. Kursoj de Esperanto kaj prelego pri Voduoj same okazis. Renkonto kun la esperantista familio Koku kaj Valentine kaj iliaj tri infanoj en Gliĝi. Vizito al Kleve, fora vilaĝo ĉe esperantistaj fratoj Agossou kaj Zinsou, al Anjronkope naskiĝvilaĝo de Adjévi kaj Koffi. Vizito al *Sika*, www.woelabo.com asocio de junaj cerboj, kiuj fabrikas komputilojn el malnovaj plastujoj kaj 3 D printilojn kaj al Instituto Zamenhof (IZo), kiu tiam festas sian dekjariĝon. En IZo niaj gastoj faris la samajn prezentaĵojn kiel en la lernejo St Jean. Menciindas, ke ĉie kien ili iris, nomadkursanoj donacis vestaĵojn, librojn, KDojn kaj multajn aliajn memoraĵojn al surlokanoj.

La adiaŭan vesperon Babilmanĝa renkontiĝo donis eblon al la nomadkursanoj renkontiĝi kun kelkaj lomeaj esperantistoj. Dum la renkontiĝo okazis diskutrondo kaj sperto-interŝanĝo, klarigoj pri la temo: "utileco de Esperanto" ĉirkaŭ manĝaĵoj kaj trinkaĵoj. La aranĝo pludaŭrigis en festa etoso iom pli malfrue en la nokto per prezento de popolaj tradiciaj dancoj je la akordiono en la strato "fidélité" fare de niaj francaj gastoj. Pli ol 30 Babilmanĝantoj kaj kvartalanoj ĉeestis kaj ĉiuj plene ĝuis la spektaklon.

La diferenco inter la komenco de la iniciato kaj la fino, estas ke ĉiuj nomadkursanoj flue parolas Esperanton! Plie, firmiĝis amikaj rilatoj inter Afriko kaj Francio, elpensiĝis projektoj i.a *Nunaj renkontiĝoj*. Nouna estas urbeto en Burkino. Ĝi estas la plej proksima urbo de Aurovillage, kie gastis kaj proponis multajn aktivaĵojn nomadkursanoj. *Nunaj renkontiĝoj* estas nova formo de renkontiĝo kiu celas kunigi esperantistojn el diversaj horizontoj, por ke ili povu Esperantumi dum unu aŭ du semajnoj en Nouna. La unua renkontiĝo plejprobable okazos post tri jaroj.


Partoprenantoj de la renkontiĝo «babilmanĝo»

**Afriko estas la plej juna Eo-kontinento – en ambaŭ sencoj. Tial ĝiaj movadaj strukturoj estas malfirmaj. Subtenante Afrikon, ankaŭ vi pruvos ke Esperanto ne estas ekskluzivaĵo de la t.n Evoluinta Mondo.**

## Cours-nomade s'est déroulé brillamment

A part les 12 participants de France, il y avait 2 Burkinabais et 2 Togolais. L'initiative s'est déroulée par des voyages incluant les cours d'Espéranto, visites des espérantistes, des sites et curiosités touristiques, de la France via l'Algérie, le Burkina Faso et le Togo, du 13 Janvier au 13 Février 2014.

A Ouagadougou les participants ont visité l'unité de Tofu, ils se sont baladés en ville ensuite rencontré Armel et Victor pour mettre au point la formation à l'Espéranto! Ils ont aussi animé un stage d'Espéranto qui a lieu avec de petites pauses! Les après-midi étaient consacrées pour les participants de *Nomadkurso* à la découverte de Ouagadougou, des actions de l'Orange Bleue Afrique www.lorangebleue.org autour de thèmes intéressants.

A l'Aurovillage www.aurovillage.org le groupe s'est reposé. Des prises de contact, ébauches d'amitié en tous genres ainsi qu'un stage d'Espéranto pour tous les adultes présents à l'Aurovillage ont eu lieu. Les matinées ont été consacrées à la découverte et à la participation à de diverses activités sur place. A l'école primaire de Saint Jean s'est déroulé un jour d'animation festive autour de «mots-valises» en dessin ouvrant sur un vernissage avec la danse à l'accordéon, ateliers autour du miel et du monde des abeilles, séance de relaxation, présentation ludique de l'Espéranto, table ronde, débat, échanges pour mieux se connaître

A Kanté, au nord du Togo, bien qu'absent pour une formation en Israël, Akanto http://aseda-kante.blogspot.fr a pris soin de déléguer l'accueil du groupe à ses amis avec qui le groupe a vécu une expérience merveilleuse. Visites guidées aux jardins, à des groupements de jardiniers...

L'étape au sud du Togo a été marquée par la rencontre avec Adjévi, Yawa, Jérôme et prise de contact avec le quartier et élaboration du programme. Visite et animation sur plusieurs jours à l'Institut Zamenhof qui célébrait ses dix ans d'existence, rencontre avec les différents acteurs espérantistes de la capitale, la découverte du centre Mytro Nunya www.mytronunya.info, visite à STEJ, un autre centre culturel actif www.stejtogo.org, balade au grand marché, la plage, rencontre de la famille Kokou Valentine et leurs 3 enfants à Glidgi, visite d'une journée à Klévé, un village de brousse chez Agoussou et Zissou, visite du village d'Anyronkopé. Visite de *Sika* www.woelabo.com une association de jeunes cerveaux togolais qui fabriquent des imprimantes 3D et des ordinateurs avec de vieux bidons en plastique. Il est à souligner que partout où ils furent, le groupe a fait cadeau de vêtements, de CD, des livres et autres objets aux gens.

La veille de leur départ, la rencontre *Babilmanĝo* a donné l'occasion aux participants du cours-nomade de faire connaissance avec quelques espérantistes de Lomé. Au cours de la rencontre il a eu une causerie-débat, échanges d'expérience, des échanges sur le thème: «l'utilité de l'Espéranto" autour d'une collation. La rencontre s'est poursuivie dans une ambiance festive, un peu plus tard dans la nuit avec de danse à l'accordéon, dans la rue "fidélité" de la part de nos amis français. Plus de 30 participants et des voisins du quartier ont assisté et apprécié pleinement le spectacle.

La différence entre le début et la fin du cours est que tous les participants parlent l'Espéranto couramment! En plus, les relations d'amitié entre l'Afrique et la France se sont consolidées, des projets ont vu le jour en l'occurrence *Nunaj Renkontiĝoj*. Nouna est une petite ville du Burkina Faso. C'est la ville la plus proche d'Aurovillage, là où le groupe a séjourné et offert de nombreuses activités solidaires. *Nunaj Renkontiĝoj* est une nouvelle forme de rencontre qui vise à réunir les espérantophones d'Afrique et d'ailleurs, afin qu'ils puissent pratiquer la langue pendant une ou deux semaines à l'Aurovillage. La première rencontre se tiendra probablement en 2017.

# Elisée Byelongo-Isheloke: Esperanto estas efika vojaĝilo

Elisée Byelongo-Isheloke, DR Kongolanda esperantisto nun loĝanta en Sudafriko, antaŭ nelonge rondvojaĝis tra kvin Eŭropaj landoj (Nederlando, Finnlando, Francio, Belgio kaj Germanio) kun s-ro Johan Kohler, sekretario de la Esperanto Asocio de Sudafriko (EASA). Ili vizitis i.a la Centran Oficejon de UEA, ĉeestis Esperanto-ekspoziciojn, prelegis pri la hejmlanda Esperanto-movado, renkontis samideanojn: kaj li raportis.

*Dum la vojaĝo ni renkontis geamikojn kaj amikiĝis kun multaj aliaj pro la Esperanto-lingvo. Ni eĉ renkontis denaskulojn… […] Prefere oni diru denaskajn esperantistojn! Tion ni lernis de "Sigi Kivisto kaj Ellen lia nepino"! Kun esperantistoj ni spertis egalan amikecon, la senton de homoj kun homoj je internacia skalo kaj pere de Esperanto,* li priskribas, memore.

La aŭtoro de la libro: *Eĥoj el Bembujo: tradicio, rilato kun Banjamulengoj, la genezo de la milito en DR-Kongo kaj la diasporo rilate al Esperanto* – libro havebla ĉe FEL, MAS aŭ UEA – Elisée en Finnujo samkiel en Amsterdamo, prezentis pri sia dua manuskripto kiu atendas trovi eldonejon. Temas pri *Verda espero en la apartisma ĉielarknacio: historio de la Esperanto Movado en Sudafriko kaj ties periferioj, omaĝe al Axel von Blottnitz*, 350-paĝa libro ankaŭ originale verkita en Esperanto.

Sed pormomente li ne pretas forgesi ĉion, kion li travivis en Eŭropo. *Belegajn infrastrukturojn, belegajn preĝejojn ni vidis t.e. katedralo Notre-Dame de Paris, katedralo de Kolonjo en Germanujo kaj multaj aliaj en Helsinki kaj Nantes. En Belgio, atentokapta estis la "Grande Place" kie dum la festo estis lumoj preskaŭ ĉie. Tie troviĝas ankaŭ domegoj kun ornamaĵoj el oro, kiuj pensigas al mi pri la koloniado de Kongo fare de tiu reĝlando.*

Multaj kaj variaj estas la rememoroj: *Ni trinkis verdan teon en nia sanktejo – la oficejo de UEA kun laborantoj tieaj.*




**De maldekstre: Elisée Byelongo, Hans Bakker, Ans Bakker Ten Hagen kaj Johan Kohler**

*"Pilgrimo en la sanktejo" mi esklamaciis! En la oficejo estis Osmo Buller kiu afable bonvenigis nin same kiel la tuta teamo. Ralph Schmeits faris multon por ni, gvidante kaj akompanante nin ĉien kaj kiel Pedro en Amsterdamo, li iniciatis perSkajpajn konferencojn kun esperantistoj en la mondo,* kaj li daŭrigas *En Amsterdamo, esperantistoj certe ĝuis la prezenton de s-ro Johano Kohler pri la movado en Sudafriko. Kelkaj samideanoj trovis rakontojn pri miaj libroj interesaj.* Elisee aldonas: *la amaso da libroj kaj la profesia sinteno de la laborantoj, ordo kaj entuziasmo plulabori por la movado estas inspirigaj kaj okulfrapaj. Arojn da libroj kaj aliajn esperantaĵojn ni aĉetis kun komprenebla interesaj rabatoj. Per Esperanto ni sentis nin en familio ĉie kie ni iris post minuto de renkontiĝo. Fojfoje ni ridetis kaj simple ridis interŝanĝante ŝercojn.*

Elisée eĉ pledis por internaciaj renkontiĝoj en Afriko: *Kvankam proprainiciate, mi petis nome de Afrikaj esperantistoj la okazigon de la unua UK en nia kontinento, kio koincidis kun la rezolucio de la Kvina Afrika Kongreso, jarŝanĝe en Kotonuo.* Kaj laŭ li devas esti pli da justeco en la mondo. *Mi komprenis, ke se estas tiom da Eŭropdevenaj homoj en Sudafriko, ne devus esti problemo akcepti samnombran Afrikanaron en Eŭropo se ni vivas en pli ĝusta kaj rajta mondo,* opinias Elisée.

Fine, li esprimas dankon al sia kunvojaĝinto, kies helpo ebligis al li fari memorindan vojaĝon: *pro la sukceso de nia tuta vojaĝo mi direktas dankon kaj krediton al Johano Kohler. Per Esperanto okazas mirindaĵoj.* Almenaŭ en Esperantujo, ĉiu pordo povas malfermiĝi.

## Invitu la 6an Afrikan Kongreson en via lando!

**Karaj funkciuloj de landaj asocioj, kluboj en Afriko !**

**La Afrika Komisiono de UEA invitas vin kandidatiĝi por organizi la 6-an Afrikan Kongreson de Esperanto en via lando! La komisiono organizos la kongreson kune kun vi. Limdato por kandidatiĝi estas la 30-a de septembro 2014.**

**Memoru, ke ekde la benina kongreso, la Afrikaj kongresoj okazas ĉiun trian jaron inter decembro kaj januaro. Sed la sesa povos okazi iam ajn dum la dua duono de 2016, laŭ la ebloj de la gastiga lando.**

**Kion Afrika Komisiono faros?**

- **konsilos vin**
- **varbos por la evento**
- **metos informojn en la paĝaro kaj vikio de UEA**
- **donos financhelpon pere de UEA**

**Kion via teamo faros?**

- **trovos kaj traktos kun la kongresejoj**
- **preparos kongresan programon**
- **surloke organizos**
- **librotenos**
- **traktos invitleterojn**
- **traktos lokajn kontaktojn**
- **eldonos la kongresan kajeron**

**Por pliaj informoj kontaktu la kunordiganton ĉe adjevia@outlook.com aŭ afrika.oficejo@gmail.com**

**Bonan ŝancon!**

**Afrika Komisiono de UEA**

## Nunaj Renkontiĝoj

Nouna [Nuna] estas urbeto en Burkino. Ĝi estas la plej proksima urbo de Aurovillage, kie Nomad-kursanaro gastis kaj proponis multajn aktivaĵojn interalie Esperanton, jarkomence 2014.

Nunaj renkontiĝoj estas nova formo de renkontiĝo kiu celos kunigi esperantistojn el diversaj horizontoj, por ke ili povu esperantumi, partoprenante en solidaraj aktivaĵoj dum unu aŭ du semajnoj en Aurovillage. La unua renkontiĝo plejprobable okazos post tri jaroj kaj certe ne sekvos la rutinon de la tradiciaj Esperanto-organizaĵoj. La surlokaj kunorganizantoj estas burkinanoj kaj togolandanoj.

La iniciato estos subtenata rekte de *Esperanto Plus* kaj *Seneva* movado, kvankam oni ne eksludas la eventualan starigon de partnereco inter la iniciatintoj kaj tradiciaj Esperanto-organizaĵoj por sinergia agado. La projekto estas ekde nun gvidata de membroj de *Esperanto Plus* en Francio, kunlabore kun ties agantoj en Burkino kaj Togolando.

**Nomadkursanaro**

# Esperanto-elsendoj hejmiĝis en DR Kongolando




Post plurjaraj demarŝoj fare de sinjoro Mazangu Paul Alceé, ĵurnalisto ĉe la Nacia Radio RTNC (Radio Télévision Nationale Congolaise), la estraro de RTNC finfine konsentis aŭdigi Esperanton tra la ondoj de sia radio.

La Direktoro Mazangu Paul Alceé kune kun la skipo de la reĝisoro sine de RTNC, je la nomo de DKEA, dankas la estraranojn de RTNC pri la apogo kaj ni ankoraŭ esperas pozitivan respondon rilate al la lasta peto pri spaco ĉe la Televido. Ni ne forgesas danki ankaŭ s-ron Henri Masson pro liaj kuraĝigaj vortoj, senditaj bendoj por apogi la elsendo-projekton de nia radio.

La radio naskiĝis en la jaro 2002 dank' al la sindonemo de kvar membroj de la redakcia teamo interalie s-ro Mazangu Diumbeki Paul Alcée, ĵurnalisto ĉe RTNC kaj ĉefredaktoro, la animatoroj: s-ro JP Lungikisa Sumbu, kolektado de la informoj; s-ro Mafuila Tunga Mavomo Barba, animatoro-helpanto; Jerry Mbemba Jackson programo-helpanto. La skipo estas apogita de du teknikistoj sine de RTNC kaj kelkaj membroj de kluboj. La skipo kunvenas antaŭ la elsendo por trakti la informojn, kiuj elsendiĝos ĉiuvendrede je la 22h15-23h00, horoj de Kinŝaso sur FM 100 MHZ.

La elsendoj trafas la esperantistojn kaj ne esperantistojn. Aŭskultante informojn pri Esperanto, enlande kaj eksterlande, neesperantistoj de tempo al tempo telefonas, sekvas kurson suronde. Finfine ili atingas la DKEA oficejon por enskribiĝi kaj la vicprezidanto de DKEA traktas kun ili pri la aniĝo en la movado.

Pro tio, ni alvokas ĉiujn, precipe UEA, ILEI, DKEA, SAT-AMIKARO ktp. apogu la radion «ESPERANTO EN MARCHE» por ke tiu ilo por propagandi kaj informi pri Esperanto jam akirita de DR Konga registaro pludaŭrigu. Bezonataj materialoj estas bendoj, DVD-filmoj ktp.

Radio *Esperanto en Marche* bone funkcias. Dum ĉiu vendredo ni registras kaj okazigas elsendojn kun diversaj temoj, interaliaj: 1)La historio de Esperanto, 2) Esperanto en Afriko, 3) Respondoj al la demandoj de aŭskultantoj, 4) La raporto rilate al la vojaĝo de s-ro Lufimpu kun lia edzino en Eŭropo, 5) La jubileo de Esperanto en nia Lando, 6) La organizo de TEJO en RD Kongo, 7) Kelkaj vidpunktoj rilate al la laboro de EGSR, 8) La kreo de klubo de Esperanto en Muanda (Bas-Congo), 9) La muzikgrupoj en DR Kongo: Konga Espero (V. Lufimpu); Vigla Muziko (Dido Fundu); Mayomo kun Jomo.

Dum tri elsendoj ni parolis pri ĉiuj kantoj rilate al enhavo de diskoj de tri muzik-grupoj: ĉe Konga Espero ni traktis pri a) Kiu lingvo por la homaro?, b)Karulino, c) Mi staras tie, ĉ)Landlimo nin disigas, d)Li amas vin; ĉe Vigla Muziko a) Dank'al Zamenhof, b)Djelly, c)Sciu kaj ĉe Mayomo kun Jomo a)Ĉu vi scias?, b)Sur nia kuŝoj, c)Mi ne havas konfidon pri vi, ĉ)Lasu min fari la muzikon, d)Nokt'sen dormo, e)La knabino de mia koro, f)Afriko ne estas vendenda.

Multaj personoj partoprenas en niaj elsendoj, iuj pertelefone, aliaj atingas DKEA Oficejon aŭdinte la elsendon. Ĉi jare ni akceptis en niaj elsendoj: s-ron JP Lungikisa, s-ron Viktor Lufimpu, s-ron Donat Mukuna, s-ron Mata Raymond, s-ron Batadulua Lazare, s-ron Ikela Guy Roger, s-inon Omba Alexandrine, s-ron Landu Luyala, s-ron Mayoma Théo, s-ron Mbonsele Patrick, s-ron Barba Mafuila, s-ron Eddy Onan, s-ron Martin Lofemba ktp.

Ni petas al ĉiuj personoj, kiuj vere deziras helpi nian radion «ESPERANTO EN MARCHE», turnu sin al DKEA, ĉar la teknikistoj sine de RTNC ne estas Esperantistoj, de tempo al tempo, ili bezonas veturadon, sen forgesi DVD-filmojn, ĉar ne longe ni havos spacon en nia Nacia Televido.

**Mazangu Diumbeki Paul Alcée**

## Ĉu la togolanda urbo Kpalimé estos la gastiganto de la unua Afrika IJK?

Reage al la komuna retletero de la prezidantoj de ILEI kaj TEJO, invitante Landajn Asociojn en Afriko esplori kaj verki pri farebleco de IJK aŭ ILEI konferenco en Afriko, la Estraro de Unuiĝo Togolanda por Esperanto (UTE) decidis en sia kunveno, kiu okazis la 1an de marto en Lomeo, kandidatigi la landan Asocion pri la okazigo de IJK en la urbo Kpalime. Esploro estis farita kaj dokumento estis sendita al la Estraroj de ILEI kaj TEJO por la fina decido.

Kpalime estas malgranda urbo ĉirkaŭata de montoj, ĝi estas gastema kaj situas je 120 km nordokcidente de la ĉefurbo Lomeo, kie troviĝas la interncia flughaveno kun la nomo *Général Eyadema*. La vegetalaro en Kpalime restas superabunda malgraŭ la kampara premado. La urbo (50.000 enloĝantoj) estas famkonata kiel unu el la plej gravaj metiistaj centroj de Togolando. Tiu ĉi fameco transiras la tutan Okcidentan Afrikon.

Kpalime havas la necesajn kondiĉojn por konsider-inde pli granda populara ejo de plej diversaj grandaj kongresoj, foiroj kaj aliaj eventoj.

Internacia Junulara Kongreso (IJK) estas unu el la plej longdaŭraj kongresaj tradicioj de TEJO en la mondo. Sed ĝi neniam okazis en Afriko, kvankam ne mankis interesiĝo el la nigra kontinento. La lastaj klopodoj tiucele venis en 2008 el JOTE – Junulara Organizo de Togolandaj Esperantistoj, sekcio de TEJO. Tiu ĉi sekcio verkis pri IJK ESPLORON PRI FAREBLECO kaj eĉ oficiale faris invitproponojn por la 2009-a kongreso en Togolando, kiu finfine okazis en Liberec, Ĉeĥio.

## ILEI kaj TEJO invitas por internacia renkontiĝo en Afriko

Saluton, karaj gesamideanoj!!

Ĵus finiĝis la 4an de januaro la kvina Afrika Kongreso de Esperanto (AKE). Dum tiu grava evento la kongresanoj verkis kaj aprobis rezolucion, kiu iris al la tuta Movado por konigi la konstatojn, dezirojn kaj planojn de Afrikaj esperantistoj. Ene de tiuj alineoj troviĝas unu grava deziro: okazu en Afriko unu aŭ du aŭ tri el la tutmondaj regulaj internaciaj eventoj, nome Universala Kongreso (UK) de UEA, Konferenco de ILEI aŭ Internacia Junulara Kongreso de TEJO nome IJK.

Ĉar Mireille Grosjean restadis en Varsovio, Pollando, la loĝloko de Lukasz Zebrowski, okazis kunveno de ili du la 11an de februaro 2014. Ili povis interŝanĝi spertojn kaj ideojn pri la eblo ekpaŝi al internacia evento en Afriko. Mireille Grosjean povis prezenti la tri landojn, kie ŝi jam restadis: Benino, Burundo kaj Senegalo. Tie estas bonegaj lokoj por iu tia evento. Tamen povas esti, ke bonegaj lokoj ankaŭ ekzistas en aliaj landoj, kien ŝi ne iris. Pro tio ni ekrilatas kun vi hodiaŭ. Por doni al vi ŝancon informi nin, kaze ke en via lando la movado estas forta kaj laborema, kaj ke ekzistas iu domo, domaro, kie tia evento povus okazi.

Mireille Grosjean vizitis 5 eblajn kongresejojn en Senegalo, 3 en Benino kaj 1 en Burundo. Ŝi verkis pri tiuj kongresoj ESPLORON PRI FAREBLECO. Tio estas la unua necesa esploro. Por montri al vi, kiel aspektas tia dokumento, ni sendas al vi ĉi-kune unu el ili: temas pri esploro pri farebleco en Thiès, Senegalo, en Centro CCDD, kapabligejo pri daŭripova evoluo. Tiu loko povus akcepti internacian kongreson, ĉar estas internacia flughaveno en Dakaro, ĉar estas sufiĉe da litoj por proksimume 200 partoprenantoj, ĉar estas sufiĉe da kunvenejoj, ĉar estas ekskursoebloj, ktp. Vi vidu mem en tiu dokumento.

Do nun: se vi disponas je tia loko en via ĉefurbo aŭ proksime de ĝi, se vi povas antaŭvidi tian eventon en via lando, organizota de via Landa Asocio, kunlabore kun TEJO sekcio kaj/aŭ ILEI sekcio se tiaj strukturoj ekzistas en via lando, tiam esploru kaj verku saman esploron pri farebleco. Konstruu dokumenton kun samaj ĉapitroj kaj enhavo. Ĉar la estraro de TEJO kunvenos komence de aprilo, vi havas tempon ĝis la fino de marto por sendi al ni tian dokumenton. Do urĝu, ĉar estas nur 6 semajnoj ĝis la 31a de marto!!

La baza ideo, nuna plano de la du prezidantoj, estas okazigi en la sama loko, unu post la alia, la ILEI-konferencon kaj poste IJK-n aŭ inverse en julio-aŭgusto 2016 aŭ pli poste. Tamen vi ĉiuj scias, ke la fina decido estos ĉe la estraro de TEJO kaj la estraro de ILEI. Ni ekrilatis kun UEA por koni la planojn pri UK kaj ili influos nian decidon, ni vidos. Kutime unue decidas UEA.

Ni rilatas kun vi hodiaŭ per tiu ĉi retmesaĝo, ĉar ni emas esti justaj: se ni simple elektas lokon, kien Mirejo vojaĝis, tio


Lukasz Zebrowski prez de TEJO
Mireille Grosjean prez de ILEI

estas maljusta ago por la aliaj. Do nun en la venontaj tagoj vi havas la eblon informi nin pri lokoj por tia evento. Estas modelo de dokumento kaj estas limdato. Bonvolu respekti tiajn gravajn aspektojn.

Ni forte esperas, ke IJK kaj ILEI-Konferenco okazos en Afriko baldaŭ. ILEI Konferenco jam okazis en Benino, Porto Novo, en 2008. IJK neniam saltis al Afriko, same UK. Eble baldaŭ tio okazos. La sinsekva okazigo de tiuj du eventoj ebligos interhelpon inter la du establoj TEJO kaj ILEI, pli grandan partoprenon kaj nove elpensitajn programojn kadre de la du eventoj. Ni pretas labori tiucelen kaj provos prezenti la aferon al niaj estraroj favore por eble atingi pozitivan finan decidon.

Ni elkore salutas vin.

**Lukasz Zebrowski prez de TEJO**
**Mireille Grosjean prez de ILEI**

---

### Senpaga librodonaco al Esperanto-bibliotekoj en la tuta mondo

Estimataj

La Fondumo PADME senpage ofertas al vi librojn de Omraam Mikhaël Aïvanhov, por konigi tiun gravan filozofon kaj pedagogon el la 20a jarcento.

Ĝi proponas al vi, el liaj multaj verkoj, 4 librojn. Vidu la aldonaĵon. Ilin tradukis el la franca originalo al Esperanto Claude Piron, fama esperantista verkisto.

Ekzistas tradukoj ankaŭ en diversaj lingvoj. Vizitu la retejon www.prosveta.com por vidi la liston de la verkoj kaj tradukoj kaj konatiĝi kun la aŭtoro.

La Fondumo pretas sendi al vi eĉ po du ekzemplerojn de tiuj 4 libroj, se vi bezonas.

Bonvolu indiki al ni la nomon kaj adreson, en via lando kaj en la tuta mondo, de bibliotekoj, kiuj ankaŭ povus interesiĝi pri nia oferto. Dankon !

Elkorajn salutojn !

Nome de la fondumo PADME
Nancy Fontannaz
Ruisselet 9
CH-1009 Pully
Svislando

Kompreneble vi ankaŭ povas mendi tra la reto: nancy.fontannaz@gmail.com

### UTE oficiale agnoskita fare de enlandaj instancoj


MINISTERE DE L'ADMINISTRATION TERRITORIALE DE LA DECENTRALISATION ET DES COLLECTIVITES LOCALES

SECRETARIAT GENERAL

DIRECTION DES LIBERTES PUBLIQUES ET DES AFFAIRES POLITIQUES

DIVISION DES ORGANISATIONS CIVILES ET DES ASSOCIATIONS

N° 0136 /MATDCL-SG-DLPAP-DOCA

REPUBLIQUE TOGOLAISE
Travail – Liberté – Patrie

**RECEPISSE DE DECLARATION D'ASSOCIATION**
*( à faire insérer obligatoirement au Journal Officiel de la République Togolaise )*

TITRE : UNION TOGOLAISE POUR L'ESPERANTO (U. T. E.)

SIEGE : LOME-TOGO

BUT : L'Association a pour but de vulgariser la langue internationale Espéranto au Togo.

Lomé, le 29 JAN. 2014

LE MINISTRE,

Gilbert BAWARA

En Togolando ekzistas sisteme organizita landa asocio kun pluraj membroj. Sed la asocio neniam estis leĝe konfirmita kiel asocio, en la registro de la ŝtato.

Iniciate de la aktuala estraro, la landa asocio UTE laŭleĝe estas registrita kaj posedas ekde la 29-a de januaro 2014 oficialan agnoskon fare de enlandaj instancoj, kiel montras la supra atestilo.

La dokumento estas publikigita en la februara numero de la oficiala ĵurnalo (ĴO) de la respubliko, kiel postulas la leĝo.

Kopioj de tiuj ĉi gravaj dokumentoj estas senditaj al ĉiuj aliĝintaj kluboj, sekcioj kaj kunlaborantaj organizaĵoj de UTE.

## Deziras korespondi...

Du italaj klasoj (unu en la unua jaro kaj unu en la dua jaro de mezgrada lernejo - aĝo de la lernantoj 11-12-jaroj) en Sicilio serĉas korespondantojn en Esperanto en similaĝaj klasoj tra la mondo.

Se vi povas helpi, bonvolu kontakti la instruanton de Esperanto, Giuseppe Campolo: giuseppe-campolo@tiscali.it

———————

### El Malagasujo

Jam de marto 2013 ili (tri lernantoj en aĝo de 10-14 jaroj) eklernas Esperanton po 45 mn semajne en Itaosy Esperanto-Klubo. Krom simplaj gramatikaĵoj, ili lernas ankaŭ kelkajn kantojn, skeĉojn kaj recitas poemojn en Esperanto. Ili ofte faras desegnaĵon, kiu rilatas al la temo de la leciono.

Entute, ili havas averaĝe 30 horojn da lingvokurso. Kaj por instigi ilin plulerni Esperanton, mi denove serĉas homojn, kiuj pretas trovi por ili alian grupon de infanoj por interŝanĝi kun ili leterojn.

En la komenco, la korespondado estu kolektiva (la adreso estas tiu de la kursgvidanto) kaj ĝi povas evolui iom post iom al individua.

Adreso de la kursgvidanto:
p/a Henriel FIDILALAO
Lot IAH 32 bis Avaratsena MG 102
AMBOHIDRAPETO Madagascar
Retadreso: henrielredtv@gmail.com

# Afrikaj kontribuoj al la verda literaturo




*De vilaĝo al ĉefurbo* estas titolo de verko verŝajne plej konata en Togolando kaj en la cetera mondo. Ĝin verkis orginale s-ro Gbeglo Koffi kaj eldonis Fondaĵo *Afriko* de UEA en la jaro 1993.

"En 1989 la Togolandano Gbeglo Koffi aperigis la romaneton *Mi vizitis grandan urbon* (Zamenhof Editoras), kiu fascine konigas al la leganto Afrikan pensmanieron kaj la grandan diferencon inter urbo kaj kamparo. Per la dua verko, la aŭtoro ĝojigas tiujn, kiuj volas lerni pli pri la vivo en Afrika lando".

"*De vilaĝo al ĉefurbo* estas historio de la malfacila vojo de inteligenta kampara knabo al scio kaj klero. Ankaŭ la teksto de la verko estas verkita en la sama freŝa kaj klara stilo, kiu markas la unuan verkon de Koffi"

Por mendi la libron, oni bonvolu konktakti la libro-servon de UEA aŭ prefere la aŭtoron en la Afrika Centro Esperantista (ACE): afrikacentro@hotmail.com, esp.togo@cafe.tg

**Princo Henriko: *Festo de Beno*. Lomeo: Afrika Centro Esperantista, 2006. 28 paĝoj, 21cm. [Eŭro 10, ĉe ACE]**

La aŭtoro de *Festo de Beno*, s-ro Prince Henry Ozoepena Chikoadi Oguinyé, naskiĝis la 1-an de novembro 1972. Helplekciisto en universitato, li estas niĝeriano, ĵurnalisto kaj estro de politika organizaĵo. Li faris preleg-vojaĝojn tra kelkaj Afrikaj landoj kaj eŭropaj. Fondinto de Esperanto-kluboj en Niĝerio. *Festo de Beno* estas lia dua libro originale verkita en Esperanto.

Tra la libro, la verkinto prezentas proze la kutimojn de la etno Igbo de sia patrolando. Li montras kiom ofte, ricevante eŭropan edukiĝon, junuloj Afrikaj emas forgesi la kredojn de siaj prapratroj kaj eĉ foje profanas ilin, provokante tiel koleron de dioj. Musa, el la rakonto, estas unu el tiuj junuloj kiuj, konfuzitaj de okcidenta kulturo, fariĝis skeptika kaj finfine devojiĝas pri la moroj de sia medio. Dum festo en vilaĝo Umudioka, li estas invitita same kiel aliaj urbanoj. Dum la festo-periodo li ricevis instrukciojn ne profani la feston. Sed Musa havis alian ideon: defii la legendon. Kaj tion farante, li perdis sian vivon, kaj la tuta tribo devis elteni koleron de dio-patro. Rezultis malbonaj rikoltoj, katastrofoj, militoj, malsato kaj morto jarojn poste.

La libro estas verkita en bona stilo kaj facila lingvaĵo. En ĝi aperas glosaro kiu ebligas la legantojn kompreni la sencon de multaj arkaikaj vortoj uzitaj de la aŭtoro en la teksto. Se vi interesiĝas pri tradicioj en la nigra kontinento, nepre legu la libron de Princo, ĝi helpos al vi ĝui aspekton de moroj el Niĝerio.

**A.A.**

Ĉu vi jam pagis vian jarkotizon al UTE? Jen do la okazo por plenumi tiun devon vian, ĉar estas la sola maniero por vivteni nian landan Asocion dum tiuj tre malfacilaj momentoj.
La pago de tiu ĉi kotizo certigas vian membrecon ĉe UTE. Bonvolu kontakti la kasistinon Valentine je 90969550.
Retadreso de UTE: utetogo@hotmail.com

## Kiel subteni la revuon BABILANTO?

**Disponigante monon al la revuo, ekz. 10 eŭrojn aŭ pli.**

**La monon oni bonvolu ĝiri al la konto "apto-c" ĉe UEA.**

**Posta informo al la redaktoro pri la pago rajtigas ricevi ĉiujn numerojn de la jaro.**

**Antaŭaj numeroj estas rete riceveblaj kontraŭ peto al la redaktoro aŭ aliĝo al la tiucela dis-sendolisto. Tio ebligas ankaŭ ricevon regulan de informoj pri la movado en Togolando.**

**Oni do sendu malplenan mesaĝon al:**
esperanto-en-togolando-subscribe@yahoogroups.com

**Memvolan mondonacon oni sendu al la uea-konto "apto_c" de APETo**

**Redaktoro: Adjé Adjévi**
**Adreso: 06 BP 61807, Lomé-TG;**
**Tel: +228 90 25 75 49, 22 57 22 80**
adjevia@gmail.com
adjevia@yahoo.fr

**Provizora kalendaro pri kunvenoj, renkontiĝoj en Togolando 2014**

- 12/04: Kunveno de la gvidorganoj de UTE
- 10/05: Unua plena komitatkunsido
- 08/11: Dua plena komitatkunsido
- 18-30/08: Lingvo-staĝo kun ekzamensesio
- 26/07: Esperanto-Tago
- 14 /12: Zamenhofa Tago
- 22-24/12: Seminario AMO Afriko
- 26-28 /12: 22-a Togolanda Eo- Kongreso

# Konkurso de Esperanto-muziko

TEJO kaj ĝia revuo *Kontakto* anoncas konkurson pri novaj Esperantaj kantoj kaj muzikaĵoj. Unu el la premioj estos aljuĝita laŭ publika voĉdonado!

Per la moderna teknologio multaj homoj havas jam la eblon verki kaj mem registri Esperantan muzikon, kantojn. Pro la bunteco de la muzika ĝenro ekde la pasinta jaro ĝi ne plu estas traktata kiel branĉo en la tradiciaj Belartaj Konkursoj de UEA, sed estas organizata aparta Muzika Konkurso sub la ŝildo de TEJO.

La Muzikan Konkurson teknike organizas la revuo *Kontakto*, ĝin subtenas Universala Esperanto-Asocio kaj la Esperanta muzik-eldonejo Vinilkosmo. La konkurso havos du kategoriojn: "Kanto de la Jaro" resp. "Albumo de la Jaro" – rajtas ĝin partopreni iu ajn, - ankaŭ per memfaritaj aŭ ne-eldonitaj registraĵoj.

La konkurso "Kanto de la Jaro" aljuĝos tri premiojn. La unuan kaj la duan lokon aljuĝos la ĵurio. **La trian premion, nome la premion de la publiko aljuĝos la ordinara publiko per publika voĉdonado.** La unua loko por la "Kanto de la Jaro" ricevos premion de 200 EUR, la dua loko 100 EUR kaj la premio de la publiko 100 eŭrojn.

La konkurso "Albumo de la Jaro" premios unu konkursaĵon. La premiita konkursaĵo ricevos 200 EUR kiel premion.

Por alsendi la konkursaĵojn **limdato estas la 31-a de majo** de ĉiu jaro. Kontakta adreso de organizantoj por ĉiuj demandoj: "muzikakonkurso@tejo.org"

Detala regularo kaj aliĝilo de la Muzika Konkurso estas trovebla ĉe: http://kontakto.tejo.org/p/regularo-de.html

Temas pri la unua jaro, unua konkurso, do estus grave, ke kiel eble plej da homoj eksciu pri la nova projekto. Ni sincere dankas al vi, se vi helpas diskonigi tiun ĉi konkursan alvokon!

**Szilvási László**